# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 24/11/2016 Ducentnaŭdeksesa eldono 24/11/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **610,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## "Captain Fantastic" Kapitana Elstarega

Ĉi tiu 2016 filmo uzas Esperanton en unu sceno




( https://youtu.be/oqQ-tHVb49w?t=10 *Klaku kaj mem aŭskultu kaj vidu*)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Kial ne "-poe", same kiel "-ope" ?



Por la sep numeralaj derivoj Zamenhof kreis kvar numeralajn sufiksojn kaj unu numeralan prepozicion kaj li uzis, malĝuste ĉar kontraŭregule, du finaĵojn por doni al tiuj finaĵoj ekstrajn sufiksajn signifojn numeralajn.

La kvar sufiksoj estas -obl- por la multiplikado, ekz. Kvinoble tri egalas dek-kvin, -on- por la frakcioj, ekz. Triono da dek-du estas kvar, -op- por kolektivaj nombroj, ekz. Ili venis triope signifas ke ili konsistis el suma grupo de tri, kaj la sufiksigita substantivo -foj-, kiu signifas la nombron da okazoj, ekz. Okfoje ili partoprenis signifas ke la partopreno ripetiĝis je ok tempaj fojoj.

La finaĵoj estas -a por indiki pri kiu el la fojoj temas, ekz. Lia tria vizito, kaj -o por indiki la suman nombron da okazoj, ekz. La oko da vizitoj indikas la nombron da ĉiuj vizitoj. Zamenhof eraris ne krei specialajn sufiksojn por ĉi tiuj du numeralaj signifoj, ĉar KAJ -a KAJ -o jam havas la signifojn de karaktero por -a kaj de substantivo por -o. Kelkfoje okazas problemo pro tiu dusenceco de -a kaj de -o, nome ĉe vortkunmetaĵoj, ekz. Trietaĝa signifas KAJ havantan tri etaĝojn KAJ la trian etaĝon.

La prepozicio estas “po” kaj signifas en egalnombraj grupoj, ekz. La gastoj venis po du signifas ke ekzistis egalaj grupoj da du gastoj. Estas stranga, ke Zamenhof ne kreis sufikson ankaŭ por ĉi tiu derivaĵo. Tamen por esti konsekvencaj ni rajtas, se ni volas, krei sufikson el ĉi tiu prepozicio kaj diri La gastoj venis dupoe, en egalaj grupoj de du. Uzi tian sufikson ne estas kontraŭregula, ĉar oni rajtas ŝanĝi prepozicion en alian vortkategorion, ĉi tie en substantivan aŭ adjektivan sufikson fariĝantan sendependa radiko, same kiel la vortoj posta kaj malantaŭo.

Marcel Leereveld.

# Respondo al la artikolo de Marcel en AE296



“ Delonge mi lernis de Marcel ke eblas uzi kunmetaĵon nur se oni celas paroli pri io aparta. La ekzemploj, kiun li ofte uzas tablotuko, naztuko ktp estas sufiĉe klaraj . Tamen mi ekkonfuziĝas kiam li konsideras ke afikso povas tute perdi sian signifon por krei apartan nuancon, ekzemple kiel eblas diveni ke en la vorto “amegi” , “eg “ ne plu rilatas al grandeco sed esprimas sekse rilati al alia homo? Ĝis nun mi uzis la vorton “ amori” por tion priskribi. Aŭ ĉu mi ne ĝuste komprenis? Franciska Toubale



## 3ZZZ



Mi petas indulgon de la aŭskultantoj de la elsendo de la 21a de novembro 2016 : estis teknika problemo pri la mikrofonoj, kiun du el la administrantoj ne sukcesis solvi. Ili interdebatis dum ni elsendis- malfacilas koncentriĝi en tiaj cirkonstancoj.

Tamen eblas aŭskulti diversajn konsilojn pri sano aŭ pri la rimedoj por akiri informojn rilate Esperanton aŭ la Esperanto-movadon, uzante la enhavon de la ĵus ĝisdatigita retejo de la Austria Nacia biblioteko kaj Esperanto-muzeo



Informas Franciska Toubale

# El Adelajdo





Jen eta informo pri Indrani Beharry-Lall

La 12-an de Novembro Indrani celebris sian 75-jariĝon. La multfaceta estraranino de AEA invitis kunfesti en sia domo 24 amikojn el diversaj interes-grupoj, inter ili kelkajn esperantistojn.

Katja Steele






Universala Esperanto-Asocio
(en oficialaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

Eŭrazia Kultura Centro [http://esperanto.center/2016/11/13/326](http://esperanto.center/2016/11/13/326) - nia budapesta centro

## Zamenhof-tago. 

Sendu vian reklamon por enmeti en AE298

Poste sendu raporton pri via kunveno.













## Manlio-Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton 10atm ĝis 12tm

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da senpaga kafo

Sabaton la 19an de Novembro venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham kai Ian Wylles ★★★★

**Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au**

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro



